# Hurida lingvo

La **hurida lingvo** estas la nomo kiu uziĝas ĝenerale por la lingvo de la huritoj, popolo kiu alvenis norde de Mezopotamio ĉirkaŭ la jaro 2300 a.K. Kaj kiu preskaŭ estis malaperinta ĉirkaŭ la jaro 1000 a.K. La hurida estis la lingvo de la Mitanna regno en Norda Mezopotamio kaj verŝajne estis parolita almenaŭ ĉe la komenco de la huridaj kolonioj en Sirio. Oni kredas, ke la parolantoj de ĉi tiu lingvo venis de la montoj de Armenio kaj disvastiĝis sudoriente de Anatolio kaj norda Mezopotamio komence de la 2-a jarmilo a.K..

